


ILUSTRITA REVUO MONATA

Oficiala Organo de "Zamenhofa kaj Andaluzia Federacioj„

ENHAVO

# TRINIDAD SORIANO

Ĵus okazinta la perdo de la entuziasma kaj klera pioniro nia en Valencia, S-ro Jiménez Loira, la FATALO refrapas nin terure kaj forrabas al ni nian spertan entuziasman, nelacigeblan, sindoneman, kleran Trinidad Soriano. Kion diri pri li? Tiel granda estas mia doloro kaj tiel grandaj kaj multenombraj liaj meritoj, ke mi min sentas nesukcesis. Kompreneble, li ricevis agonianton kaj li bedaŭris esti la lasta prezidanto de societo, kiu estis pova; sed mi devas konstati ke li tro laboris por ĝin savi kaj ke bedaŭrinde oni nomis lin prezidanto tro malfrue, same kiel kiam oni vokas kuraciston por savi malsanulon agoniantan. Fine mi lin konvinkis pri necesa kaj plej facila laboro laŭ komuna deziro de la hispanaj Esperantistoj: starigi regionajn federaciojn, kaj tiam estis kiam li fondis la Andaluzian



S-ro Trinidad Soriano

kapabla priskribi pri li; tamen mi min forlasos al miaj sentoj, kiuj skribiĝos. Mi konis lin en Berno, dum la IX.ª Kongreso, en speciala kunveno, kiun li prezidis, kaj de la unua momento li min altiris kaj tuj ni tutkore enamikiĝis; de tiam ni estis pli ol amikoj. Senĉese ni kune kaj interkonsente agadis por kaj pro Esperanto escepte fojon, en kiu li ĉagreniĝis: ĉi tio okazis kiam aliaj kunlaborantoj de Madrid kaj mi rifuzis preni sur nin la revivigon de la iam forta Hispana Societo por Propagando de Esperanto; ĉar la Societo preskaŭ estis kadavro kiam li estis nomata prezidanto kaj tial ke li deziris ĝian reviviĝon kaj konsideris nin kapablaj tion atingi, ĉar liaj penadoj malkaj mi la Zamenhofan. Andaluzianoj nomis lin piezidanto kaj ambaŭ Federacioj kune kunlaboradas de tiam pleninterkonsente. Li multege helpis HISPANAN ESPERANTISTON, kiun lia Federacio nomis oficiala organo.

Antaŭe, en Sevilla, li atingis gravan monhelpon de la urbestraro por la Grupo, kaj lia laborado estis tre efika ĉie; la propagando farita ĉiujare dum la foiro fama de Sevilla ĉiam estis rimarkinda. Ĵus ni ekkunlaboradis por eldoni ilustritan libron pri Sevilla, profitonte la proksiman Hispanamerikanan Ekspozicion kaj la jarcentfeston de *Magallanes*, celante fari gravan kaj grandan propagandon, kaj eble, okaze de la Ekspozicio, okazigi la unuan Kongreson de Ibero-

amerikanaj Esperantistoj. La forta vekiĝo de Esperanto entuziasmigis lin lastatempe kaj ŝajnis doni al li pli da fervoreco, agemeco kaj esperemo.

Nia mortinto estis grandanima; lia parolo, ĉiam sprita, plena je saĝeco, bono kaj scio; li estis por ĉiuj sindonema amiko, kaj kiam intimeco ligis lin al iu ajn, frato, patro kaj konsilanto li fariĝis.

Ŝajnas ke la Fatalo sin komplezas forrabante al la Esperantistaro ĝiajn apostolojn glorajn!

Ĵus verkitaj ĉi tiuj paragrafoj, mi ricevis la jenajn de S-ro Carlos Martínez, el Sevilla:

«Tiu ĉi granda viro, kiu mortis en Sevilla (Hispanujo) la 9.an de Januaro, estis eminenta arĥitekturisto, scienca doktoro kaj fama politikulo; en la lasta tempo estis konsilanto de la ĉi tiea urbestraro, provinca Deputato, posedis la Ordenon de Elizabeto la Katolika, kaj en la esperantia vivo, estis en Hispanujo unu el la plej kleraj kaj famkonataj pioniroj.

»Estis Delegito de U. E. A., prezidis dum dek jaroj la «Sevilla'n Esperantistan Grupon», kiun li fondis, ankaŭ estis prezidanto de la H. S. p. P. d. E. kaj de «Andaluzia Federacio».

»Li ĉeestis kelkajn Internaciajn Kongresojn pri Esperanto, ĉu reprezentante la lokan esperantistan Grupon, ĉu la hispanan Esperantistaron.

»Li atingis, dum sia politika agado en la urbestraro, bonan monhelpon por nia Grupo kaj instruis esperante la urbpolicanojn, kiel okazas en aliaj grandaj urboj.

Pri nia idealo, li estis fervora apostolo, entuziasma kaj senlaca propagandisto li dediĉis la lastan parton de sia vivo por instrui kaj disvastigi nian helpan internacian lingvon, plenumante la celon de la neforgesebla Majstro D-ro Zamenhof, tio estas, unuigi la plej malproksimajn popolojn de la mondo per helpa universala lingvo.

»Li forĝis en sia menso la ideon, ke la homaro estas granda familio, kiun nur devas regi paco, frateco kaj amo.

»Li estis verkanta esperantistan gramatikon kaj vortaron, kaj liaj lastaj paroloj, estis por Esperanto.

»La Sevilla'j Esperantistoj perdis fervoran pioniron, bonan amikon, kaj same oni povas diri rilate je la tutmonda samideanaro; lia nomo kaj laboro restos ĉiam neforgesebla en la historio de Esperanto.

»Ripozu pace, nia kara prezidinto.»

Mi sufiĉe bone konis lin kaj tial ke mi scias ke ĉiu frapo de la Malfeliĉo estis por li kuraĝigajo, mi min turnas al hispanaj Esperantistoj, kaj eĉ al tutmondaj, dirante: LA PKEĜO PLEJ ŜATATA DE LI ESTAS «SPITE ĈIAM ANTAŬEN.» En la hispana militistaro okazas, ke iuj el ĝiaj herooj persistas sur la listoj unuavice, kaj kiam oni revistas regimenton, batalionon aŭ roton lian, ĉiumonate, je la unua tago, kiam oficiro legas la nomon de la heroo, oni respondas: «Li vivadas ĉe la memoro de la bonuloj.» Same diru ĉiam pri Soriano kaj ceteraj pasintaj pioniroj grandaj de Esperanto: «Li vivadas ĉe la memoro de la Esperantistoj.»

Je la nomo de ĉiuj samideanoj ricevu lia estiminda familio sinceran doloresprimon tutkoran.

*Julio Mangada Rosenörn*

---

## Al la Karulo

*Je la memoro de S-ro Trinidad Soriano.*

Kruele senkompate ĵus fortiris
Al ni la karulon fatala sorto!
Neatendite forrabis la MORTO
Tiun, pro kies boneco ni miris!

Kiom da fojoj ni ambaŭ sopiris
Post la ricevo de la lia vorto!
Por ĉiam, ve, pro nevenkebla forto,
De ni la bonulego jam deiris!

Terura frapo vundis niajn korojn!
Ĉia konsolo estas neutila
Por malaperigi niajn dolorojn!

Al kie nian amaton fortrenis
Potenca nekonata fort' subtila?;
Kial tiel frue el ni lin prenis?!

*Ĉu-ŝi-ĉu-li*

## La Triumfo Estas Nia!

*Al la membroj de Andaluzia Federacio pro l' morto de ĝia prezidanto, la amata S-ro Trinidad Soriano.*

Ĉu la milito jam ĉesis?
Ne, de la batal' al niaj aŭdoj
alvenas pafbruo kaj bedaŭroj:
ankoraŭ PAC' ne sukcesis!

ĜI olivbranĉon ne tenas
ankoraŭ; sed intensa laboro
de l' ESPERANTISTAR', kun fervoro,
atingi ĜIN entreprenas.

Ja, sufiĉe bone scias
Ĉiajn malfeliĉojn TUTA MONDO;
kaj ke RASOJ estu FRATA RONDO,
ĉiu gento ambicias.

Tial, tra la MOND' trairas,
pli forta ol iam, NOVA SENTO;
kaj ĉiuj kun plej granda kontento
fratiĝi pace deziras.

«Kiel tion ni atingos?»
Ĉiuj diras unu la alian.
«Ĉu konas iuj kielon tian?
Ĉu armilon ni resvingos?»

«Ne; sufiĉos, ke vi konos
de l' ESPERANTA LINGVO utilon,
por ke ne svingi plu la armilon
la viaj manoj bezonos!»

Tiele al ili diris
ravanta, dolĉa voĉo mistera
trairanta sur la supraj' tera,
kaj pro kio ĉiuj miris.

De ĉiu lok' oni levas
entuziasme nian STANDARDON;
ESPERANT' grandigas nian ardon.
Jesigu, ke NI NE REVAS;

Jesigu, ke baldaŭ venos,
Pere de ZAMENHOF' IDIOMO,
la VERA PACO; kaj tiam HOMO
nian MAJSTRON kore benos!!!

*Simplulo.*

## LA FALINTO

*Al mia kara amiko Enriko Torras Figueras, el Manresa.*

Aferoj rilataj je mia profesio devigis min formarŝi el mia naskiĝurbo, Barcelono, la loko al kiu mi min turnis estas vilaĝeto apud la ĉarma, bela kaj fama kataluna monto Montserrat, kantita de la plimulto el la landpoetoj.

Kiu vizitis ĝin ne restinte mirigata antaŭ tia elmontro de la natura grandeco? Tiel speciala estas ĝia eksterformo ke, anstataŭ



ARTA PORDO DE LA DOMO DE PILATOS
(SEVILLA)

natura, oni povas ĝin imagi artefarita per manoj de superhoma skulptisto; tia estas ĝia nekomparebla eksterformo kaj beleco.

Monto kun multnombraj kaj belformaj pintoj, ornamitaj, dum la plej granda parto de la vintro, per la blanka neĝo, kiu tiel originale beligas tiun lokon, ke tiu, kiu ĝin vizitas, ĝuas pro ne ĉiam videbla kaj pro eksterordinara vidaĵo rigardante tiun ĉarman pejzaĝon.

Ankaŭ, tre ofte oni vidas la montojn envolvitaj per flosantaj nebuloj, kiuj kvazaŭ marondoj, glitas sur ili kvazaŭ vastega maro plena je diversformaj insuloj. Kia plej rava spektaklo!

La gastejo kie mi loĝis estis kiel la plimulto el la vilaĝgastejoj, sur la ĉefvojo, sola komunikilo inter sennombraj vilaĝoj, vilaĝetoj kaj la ĉefurbo.

La plej oftaj vojaĝantoj sur tiu vojo estas gealmozpetantuloj, kiuj, kvazaŭ transflugantaj birdoj, iradas, ĉiam iradas puŝitaj de la malbona sorto kaj nekonintaj la celon de sia irado, dormante suben la pontojn aŭ en la kavaĵojn de la montoj, almozpetante ĉiam kaj rabante el la kampoj kiom ili bezonas: kiel la birdoj, ĉar ne alia aĵo ili estas; mi ilin konsideras transflugantaj birdoj,

Inter ili estas muzikistoj, desegnistoj, kaj poetoj, tamen, multaj el ili surportas tiun vivmanieron kontraŭvole, aliaj estas kiuj jam naskiĝis en tiu medio kaj ĝin konsideras natura.

Ian malhelan vintran nokton, ventego forte skuadis balkonojn kaj fenestrojn, aŭdigante malgajan kaj timindan ĝemon, mi estis kun kara amiko mia el Manresa, en nia loĝĉamkro, kiam kelkaj malfortaj frapoj kontraŭ la pordo surprizigis nin, ĉar al tiu horo kaj dum tiu kruela nokto neniun vizitanton ni atendis.

Je la surprizo de mia bona amiko kaj mia, mi malfermis la pordon kaj mi min trovis antaŭ maljunulo de apostola aspekto.

Kvankam nur petis helpon, ĉar li sin trovis tre malsana, ni enirigis lin, tiel kompatinda estis lia stato! Li intencis demeti ion kion sur la kapo portis, ia tempo ĉapelo, sed ni tion ne permesis sidigante lin por ke li ripozu.

Kia mizero! Tra kandellumo ni povis vidi tiun korpon, malgrasan kaj duonvestitan per malpuraj kaj tedaj ĉifonaĵoj; ni preparis por li vespermanĝeton, kiun avide li manĝis, malgraŭ sia sanstato, nin rigardante admirita de nia gastemo.

Al ni tre interesis tiun konatulon kaj mi, ankaŭ je la nomo de mia amiko, petis al li bonvolu klarigi la kaŭzon de lia ekstrema mizero.

Ĉagrena grimaco aperis sur lia vizaĝo kaj respondis: «Ĉu mia historio?...»

Ĝi estas tre vulgara kaj malgaja. «Mi petegis kaj respondis al li ne timu, vi ne malgajigos nin, vi povas rakonti, kaj li forte ĝemante kaj fermante la okulojn por pli bone rememori estintajn tempojn, ekdiris: «Mia historio ne estas interesa ĝis la komenco de socia movado en la loko kie mi loĝis. Pro la nehomameco de la mastraro la laboristaro organiziĝis kaj ribeliĝis, petante iom pli da pano kaj iom pli da justeco. Kion ni faris! La plej kruela persekutado estis la respondo al niaj humilaj demandoj. La plimulto devigataj pro la malsato kaj la maljustecoj de ĉiss kies devoj devus esti pli homaj, relaboris, kaj kelkaj el ni estis kondamnitaj al elmigro aŭ al la morto pro malsato.

Mia edzino, de antaŭ tempe malsana, pro manko da rimedoj kaj troa suferado mortis, kaj miaj gefiletoj senĉese turmentigis min per la ĉiama kantaĵo; patro, panon, ni estas malsataj. Mi senespera pro la morto de mia kara kamaradino kaj la malsato de miaj gefiloj, dum nokto malhela kaj kruela kiel la nuna, mi atencis kontraŭ la leĝo de la homoj, kontraŭ tiu hontaĵo nomita leĝo, kiu estis kreita kiel privilegio de la plimalmulto kontraŭ la aliaj, la malfeliĉuloj. Mi rabis, kontraŭvole mi estis rabisto! Antaŭ malmulte da tempo mi estis kaptita kaj nenion atingis miaj protestoj kaj kialo de mia agmaniero devigata pro la malsato de miaj gefiloj kaj la malespero...! Mi estis rabisto!

Antaŭ malmulte da tempo mi estis kap-



FASADO DE L' PALACO SANTELMO
(SEVILLA)

tita kaj nenion atingis miaj protestoj kaj kialo de mia agmaniero devigata pro la malsato de miaj gefiloj kaj la malespero...! Mi estis rabisto kaj tial oni kondamnis min, mi ne rajtis preni kiom mi bezonis por miaj gefiloj, mi nur rajtis perei kaj pereigi ilin pro malsato!! Kelkaj jaroj mi putriĝis en malliberejo nesciinte ion pri mia familio.

Ian tagon oni sciigis al mi ke mi estis libera!, Sed, kial libera? Jes, mia kondamno, laŭ ili finiĝis, kaj mi estis libera morti pro malsato.

Sola kaj maljuna, mi komencis mian pilgrimadon; tial ke mi pagis, laŭ la aliaj, mian kulpon. Ĉar mi neniam min konsideris kulpa, kontraŭe tiel honora kiel antaŭ, sed, iluzioj! Neniu atentis pri mi kiam mi petis laboron, mi montris miajn dokumentojn kaj neniu bezonis miajn servojn, dum mi legadis tra iliaj okuloj ke, krom maljuna mi estas malliberigito!...»

La nekonato silentis, kaj mi demandis lin: «Ĉu viaj gefiloj?»

«Miaj filoj de ĉies forlasitaj, ĉar ilia patro estis rabisto, sin dediĉis al honta metio de la rabo kaj mia filino estis devigata vendi sian korpon por manĝi...! Jen mia historio sinjoroj», plorante li diris.

Mi respondis al li, la kulpo de via historio ne estas via, estas la malboneco de la aliaj, estas la ago de la nuna socia regformo, sed estu certa ke, tiuj kaŭzoj malaperos, ĉar la mondo progresas kaj la homaro evoluciadas.

«Belega idealo - li respondis - sed por atingi tiun celon estas necese multe batali, multe, nelaciĝi; mi estas maljuna kaj malsana kaj ne povas, mi falis en tiu batalo por kaj pro la vivo kaj falinto ne povas batali».

Forta nervokrizo kaptis lin kaj dum lia deliro, la okuloj saltantaj el la kavaĵoj, kriadis: «Junuloj! batalu, batalu pro kaj por la libereco, batalu por la malapero de tiom da maljusteco kaj sociaj hontoj batali estas vivi sed la batalantoj devas esti fortaj kiel vi kiuj estas junaj; vidu; la aŭroron de nova homarsocio kie regos inter la homoj paco kaj amo, batalu, senĉese ĝis la atingo de tiel rava idealo.» Kaj tiu maifeliĉulo kiu dum lia vivo ne povis ĝui ĝin, en plena deliro, post kiu mortis, vidis kio estos la mondo en la estonteco.

*Francisko Piñol*

---

# LA MILITO

Nenio estas tiel sensenca kiel *venki;* la vera gloro estas *konvinki.*

La milito estas balancilo de l' ĥaoso en kiu ŝanceliĝas la *nenio.*

La milito estas la prostituulino, la senhonora kunvivantino de l' hazardo.

La pacon oni ŝuldas al cigno; la militon, al vulturo.

Ĉia milito inter homoj estas fratmortiga.

Oni ne kvalifiku la militon per ĝia celo.

Ne estas milito fremda, nek frata; ne estas pli, ol milito justa aŭ nejusta.

Ĝis la tago en kiu firme por ĉiam oni starigos la grandan interkonsenton homan, la milito, almenaŭ tiu kiu reprezentas la penado de l' estonteco, kiu progresas, kontraŭ la pasinteco, kiu reakciiĝas, povas esti necesa.

La milito estas honto: la spado fariĝas ponardo kiam ĝi mortigas la homrajton, la progreson, la prudenton, la civilizacion, la veron. Tiam, la milito ĉu fremda, ĉu frata, estas nejustega kaj oni ĝin alnomas krima.

Harmonio dezirata spite natura racio estas multfoje pli bedaŭrinda, ol milito.

La milito ne estas inda je epopeo kiam ĝi praktikas spionecon kaj perfidon, kaj kiam ĝi kovras la rabon per flago kaj trompon per plumfasko.

El la bataloj, la perfido estas honto por la venkinto kaj gloro por la venkito.

La viroj fariĝas perfidmortigantoj por ke oni forgesu ke ili forkuris el la malamiko!

Dum milito ĉu oni sentas la tragikan esperon morti, aŭ la abomenindan plezuron mortigi.

Dum milito, hazardo veturas sur ĉaro el

ombroj trenata de teruraj kaj nevideblaj ĉevaloj.

La tagiĝo sekvanta je batalo naskiĝas sur nu-laj kadavroj; post la venkintoj pasas la rabistoj.

La civilizitajn popolojn ne honoras aŭ malhonoras la bona aŭ malbona ŝanco de kapitano.

Batalo perdita signifas progreson atingitan; tiel, *Waterloo* perdita de Francujo estis progreso akirita de tuta Eŭropo. *Waterloo* estas la ĉarniro de la XIX.ª jarcento; *Sedán* estas la naŭziganta paĝo el la historio de Francujo.

*Victor Hugo*

*J. M. R.*

---

# Al la Samideanoj vizitontaj la Leipzigan foiron

(*29an de Februaro - 5a de Marto; 16an de Marto-20a 1920*)

Nenio estas pli efika por nia propagando kaj la disvastigo de nia ideo ol la progreso de nia movado en *fremdaj* landoj kaj ĉe *aliaj* popoloj. Multe pli bone ni mem, la eksterlandaj samideanoj povas progresigi nian aferon ĉe ni, ĉar—kaj tiu demando estas komprenebla kaj ne malkonvena - oni ĉiam demandos nin, kiam ni faros propagandon por Esperanto: kia estas la stato de la movado en aliaj landoj? Esperanto ja estas «internacia» kaj «interpopola» helplingvo. Ni ne povas sukcesi por ĝi, kiam la aliaj nacioj kaj popoloj ne havas intereson por ĝi.

Pro tio ekzemple ni en nia germana patrujo preskaŭ nenion atingas per la anonco, ke tiu aŭ tiu kunlandano fariĝis Esperantisto, ke tiu aŭ tiu germana firmo interesas pri la mondhelplingvo—sed la impreso kaj la efiko ĉiam estas tre granda, kiam ni povas sciigi la interesulojn pri progresoj ĉe aliaj popoloj: ekz. kiam ni povas raporti pri la fakto, ke en iu kunsido de la Londona Komercĉambro oni pritraktis la demandon pri la utilo de Esperanto, kiam ni povas raporti pri Esperantaj leteroj ricevitaj el Usono, pri la korespondado de francaj socialistaj rondoj kun niaj samcelanaj laboristoj, pri la pligrandiĝanta intereso por Esperanto en la lando de la Ĉeĥoslovakoj ktp. La nuntempa politika situacio ankoraŭ pli ol en la normalaj antaŭmilitaj cirkonstancoj postulos la helpon de niaj eksterlandaj amikoj, por antaŭenpuŝi nian movadon en nia patrujo. Montru, vi samideanoj en aliaj ŝtatoj, ke vi aprobas nian konvinkon pri la neceseco de internacia mondhelplingvo—kaj nia propagando sukcesos!

Hodiaŭ mi volas aludi bonan okazon, helpi nin. Verŝajne inter la multaj fremdaj vizitantoj de la venonta Leipziga foiro ankaŭ estos kelkaj samideanoj. Tiam ili havos eblecon fari ion por nia movado, kaj samtempe ion por la nova repacigo de la popoloj. Tio, kion detruis la armiloj de l' batanlintoj povas kaj devas rekonstrui la skribiloj de l' komercistoj. Mi ne scias, kiom granda estas la bonvolo je restarigo de l' malnovaj komercaj interrilatoj en la landoj de niaj dummilitaj kontraŭuloj. Mi nur scias, ke la neŭtralaj ŝtatoj deziras ĝin. Sed baldaŭ aŭ malbaldaŭ, la komuna neceso kaj mizero rekondukos al komuna interkonsento ankaŭ tiujn, kiuj dun la milito ŝajnis disigitaj por ĉiam, kaj ĉiu vera amiko de l' interpopola repacigo deziros, ke la momento de nova sincera interkomprenemo venu tra baldaŭ. La bonstato ne nur de Germanlando, sed ankaŭ de la tuta mondo dependos de ĝi.

La granda internacia komunumo de Esperantistoj havas la plej grandan intereson, ke la politika kontraŭeco malaperu kaj cedu al kreado de nova mondkulturo. Ĝia propa sorto dependas de tiu nova kulturo. La enkonduko de internacia lingvo, facile komprenebla kaj facile ellernebla, ne estos ebla sen la deziro de ĉiuj kulturpopoloj je vera, sincera repacigo. Ili devas forlasi la

nacian ŝovinismon, kiu troigita per la mondmilito ankoraŭ dum la postmilitaj tagoj tre ofte kreskis kaj kies forigo estas malhelpata per la komprenebla singardemo de la *diversaj naciaj lingvoj*. Se la mondo ne sukcesos, trovi kaj akcepti la solajn taŭgajn rimedojn, kiujn prezentas nia lingvo, la ŝancoj de la interfratiĝo kaj de la ligo de l' popoloj estas tre malsufiĉaj. Sen nia lingvo kaj sen la ideo de repacigonta neŭtrala lingvo novaj, vere internaciaj entreprenoj, volante servi al la tuta homaro, grandaj foiroj kaj mondekspozicioj ktp. kiuj meritas la predikaton de internacieco, ne povas okazi. Tamen ili estas necesaj, hodiaŭ pli ol antaŭe, ĉar la mondo suferas pro la manko de krudaj materialoj kaj de komercaĵoj. Ĝi ne povas esti savata, se la politika milito estos daŭrigata per lingva batalado. Sed oni superas ĉiujn mizerojn, se la nacioj faros la provon, ŝanĝi siajn interrilatojn helpe de internacia lingvo. Niaj anoj scias, kiom multe mankas ankoraŭ al la realigo de tiu ideo. Des pli oni devas labori tie, kie oni trovas la inklinon por ĝi.

En la venonta Leipziga printempfoiro oni trovos la liston de la komercaj branĉoj ankaŭ tradukitan kaj presitan en Esperanto. Oni do povas tie iomete superi la naciajn lingvajn malfacilaĵojn pere de neŭtrala lingvo. La administracio de la Leipziga foiro treege klopodis, ke la ekonomia konkurenco inter la landoj reprezentotaj en ĝi denove prenu la normalan vojon. Ĝi klopodis, ke la entrepreno fariĝu vere internacia. Oni konstruis apartan Svisan domon, en kiu nur la Svisoj estos la mastroj, kiuj akceptos fremdlandajn gastojn por transpontigi la abismon kaŭzitan por la milito. Oni alligis al la kutima foiro apartan teknikan foiron por la diversaj krudaj materialoj tiamaniere, ke ĉiu fremda gasto, kiu vizitos Leipzigon, povos veni ne nur kiel aĉetanto de pretaj komercaĵoj, sed ankaŭ kial vendanto de krudaj materialoj de sia lando. Espereble rezultos el tiu situacio komercaja interŝanĝo, kiu ebligos korekti kaj sani la valutdiferencojn.

La rezulto de la unua dumpaca foiro havos kvazaŭ internacia signifo; ĝi estos antaŭsigno por ĉiuj, kiuj ĝis nun ne perdis la esperon al interpopola repacigo.

Por ni, la ĉi tieaj Esperantistoj, ĉio tio havos apartan grandan valoron. Ni esperas, ke dum la tempo de la Leipziga foiro (la teknika foiro okazos la 16an-20an de marto, la ĝenerala specimenfoiro la 29an de februaro-5a de marto) venos ankaŭ samideanoj el fremdaj landoj. Ni petas ilin:

Ke ili faru propagandon por nia lingvo inter siaj konatuloj kaj en la oficejo de la foiro. parolante tie unue Esperanton.

Ke ili postulu post sia alveno la Esperantan liston de la komercaj branĉoj, kaj eble gratulu la administracion pri la decido, enkonduki nian lingvon.

Ke ili postulu gvidantojn parolantajn Esperanton.

Ke ili anoncu sian alvenon al nia instituto.

Ke ili skribu, ĉu ili bezonas nian helpon dum sia restado en Leipzig.

Ke ili sciigu nin, ĉu ili povas partopreni samideanan kunvenon.

Ke ĉiuj komercistoj, kiuj estas samideanoj, ankaŭ ne venontaj Leipzigon, postulu la alsendon de la Esperanta listo de la komercaj branĉoj, skribante al la Leipziger Messamt, Leipzig (tiu adreso sufiĉas).

Ke tiuj samideanoj, kiuj venos alifoje kiel vizitontoj de la ĉi tiea foiro, skribu al ni antaŭ sia alveno, por ke ni povu agrabligi al ili la restadon en nia urbo.

*Stata Saksa Esperanto-Instituto.*

Leipzig, Johannisplatz, 3, I.

---

# Pri la Foiro de Lyon

La printempa Kunveno de la Foiro de Lyon okazos de la 1 ĝis la 15 marto, kaj entenos pli ol 40 laŭprofesiaj grupoj: hejtiloj, heligiloj; ĥemiaĵoj, kuraciloj, ĥirurgiiloj; teksaĵoj, vestaĵoj, mebloj; feloj, vitroj, porcelanoj paperoj, presaĵoj, skribmaŝinoj, fo-

tografiloj; aeroplanoj, aŭtomobiloj, bicikledoj; ĉasiloj, juveloj, horloĝoj, muzikiloj, dekoraciaĵoj; teĥnika kaj industria instruado; reklamado; veturado kaj turismo; k. c. Ni memorigas la devizon de la Foiro: «Maksimuma negocado en minimuma spaco dum minimuna daŭro per minimuna kosto.»

Ni petas ĉiujn Esperantistojn, kiuj intencas viziti la Foiron, ke ili antaŭe informu la Lyon' an Delegitaron de U. E. A. pri siaj intencoj: ni faros ĉion eblan por faciligi kaj pliprofitigi iliajn entreprenojn.

Ni esperas, ke Esperanto havos propagandan ekspozicion en budo de la Foiro sur la placo Bellecour aŭ sur la placo Verdun. Ni petas, ke ĉiuj Esperantistaj komercistoj kaj industriistoj sendu al ni du ekzemplerojn de siaj katalogoj kaj prospektoj en Esperanto (kiuj estos senpage elmontrataj) kaj eventuale disdonotajn reklamilojn en nacia lingva (precipe en franca, kiuj informus ke ilia firmo uzas Esperanton). Ni danke ricevos ankaŭ gvidlibrojn.

Kunveno de U. E. A. okazos vendredon vespere 12 marto por akcepti la fremdajn Esperantistojn. La Lyon'a Delegitaro de U. E. A. (en la Esperanto-Oficejo, 36 rue Victor Hugo, interetaĝo) kontraŭ respondkupono donas senpagajn informojn pri la Foiro de Lyon. Adreso por le leteroj: en la Esperanto-Oficejo, 36, Rue Victor Hugo.—LYON.

*L. P.*

# GRAVA ALVOKO

*Al ciuj esperantistoj-oficistoj kaj oficistinoj en ĉiuj landoj*

Konsiderante ke la oficistaro komerca industria kaj banka multege povas helpi la disvastigon de Esperanto, precipe en la komerco kaj industrio.

Ĉar por plej bone atingi nian celon, ni devas interesigi la oficistajn societojn en ĉiuj landoj.

Ĉar aliflanke, la oficistoj Esperantistoj devas uzi Esperanton por internacie pritrakti, ekster gia religia kaj politika demando, la moralajn kaj materialajn interesojn de la oficistoj.

Mi opinias, ke estas necese—fondi internacian societon de oficistoj kaj oficistinoj esperantistaj.

1. La komercaj Esperantistaj oficistoj havos la eblecon esti kun diversaj landoj en komercaj interrilatoj, ĝi helpos materiale.

2. Starigi Agentejon en ĉiuj landoj kun la titolo: Esperanta Komerca Agentejo.

3. Devigi diversajn Agentejojn enkonduki en korespordado Esperanton kiel lingvo internacia, anstataŭ fremdaj lingvoj.

4. Eldoni specialan organon pri komerco kaj industrio.

5. Adreslibron de ĉiuj oficistoj de la tuta mondo el komercaj kaj industriaj kaj fabrikaj entreprenoj kaj de esperantaj firmoj k. t. p.

Mi petas ĉiujn gekolegojn, kiuj volas kunlabori al la efektivigo de mia projekto, ke ili respondu, kiel eble plej baldaŭ, por ke mi povu prepari la aranĝon. Oni tiam elektos oficialan Direktejon.

Kun respekto,

*Adolfo Oberrotman*
Vicdelegito de U. E. A.—Varsovio

# NOVA GAZETOGRAVA

Verlag Nova Tempo (Gesellschaft m. b-H.), Wien, VIII., Lerchenfelderstr, 128, intencas surpaŝi novan kaj grandan kampon de agado por la propagando, volante enkonduki Esperanton en la ŝakrondojn de ĉiuj nacioj per eldono de internacia ŝakgazeto pere de nia helplingvo.

Samtempe ni kreos per tio ligilon por la pasiaj ĉiulandaj ŝakludantoj, kiu havos por ili certe nemezureblan valoron.

Ni gajnis por la redakcio de tiu internacia ŝakgazeto ekkonitajn kaj Esperanto-sciantajn majstrojn de la ŝakludo, de kiuj unu

estas ekster tio fame konata problemkomponisto.

Ambaŭ prezentas sufiĉe da certeco pri tio ke la abonontoj de tiu gazeto estos plene kontentigataj.

La redaktadon de la teksto prizorgos lerta ŝakludanta esperantisto. Vortaro de la ŝakaj esprimoj jam estas prilaborita kaj estos aldonata al ĉiu numero sur la kovrilpaĝoj. Samtempe kun la ricevo de la unua kajero la ricevonto havos gramatikan ŝlosilon en sia gepatra lingvo.

La enhavo de ĉiu numero konsistos el teoria traktado, riĉe kaj funde glositaj du, tri aŭ kvar interludoj, studotaĵoj kaj finludoj, plue el problemoj kaj sciiga parto.

Konsiderante la grandegan disvastecon de la ŝakludo en la kulturlandoj oni povas supozi la certecon ke la sukceso de tiu plano estos multvalora por Esperanto. Tial ni atendas ankaŭ de ĉiuj niaj samideanoj, precipe de la ŝaksciantaj, ke ili subtenos nin per kiu ajn maniero kaj ni kalkulas certege ankaŭ je via kunhelpo, kiun vi povos dediĉi al ni tiamaniere, ke vi atentigu la ŝakrondojn je nia entrepreno.

Oni deziras kunlaborantojn kaj ŝakajn sciigojn.

---

Bone atentu pri kiel eble plej baldaŭa sendo de kotizaĵoj al S-ro **Julio Mangada Rosenörn** JACA (Huesca) *Hispanio. Oni akceptas respondkuponojn. Enlandanoj sendu la kotizaĵojn posŝtĝire.* VARBU SUBTENANTOJN.

---

Dezirinde estas, ke tiuj, kiuj sendos maŝinskribitan originalon, bone atentu ke ĝi estu ne pli longa je du folioj (unuflanke skribita) kaj ke estu sufiĉa spaco inter la linioj.

# ENLANDA MOVADO

*Sevilla.*—La Sevilja Esperantista Grupo kunsidis en eksterordinara kunveno la 10.an de l' pasinta monato por honorigi la memoron de S-ro Trinidad Soriano, kiu estis la fondinto kaj ĉiama prezidanto de tiu Societo.

La Vicprezidanto S-ro Iznardo, tre kortuŝata faris funebran paroladon pri la glora mortinto kiu estis afabla por ĉiuj, eminenta, sindona kaj senlaca propagandisto pri nia idealo. Atentigas la belajn ecojn de S-ro Soriano kiu estis la animo de la Grupo kaj de la Andaluzia Esperanta movado kaj finas lian paroladon, dirante, ke malgraŭ la doloro pro tiu grava perdo mortvundis niajn korojn, ni ne devas malkuraĝiĝi sed, por plej honorigi lin, sekvi energie kaj senlace la vojon de li fiksita ĝis la tuta sukceso de nia idealo. Poste, S-roj Martinez, Machuca, k. a. faris laŭdajn paroladojn pri la neforgesebla Prezidinto kaj proponis presigi esperantan gramatikon kaj vortaron kiuj S-ro Soriano estis verkanta.

La 1.an de Februaro la Sevilja Esperantista Grupo kunvenis denove kaj estis aprobita la jena estraro.

Honora Prezidanto, D-ro Casto Vilar García; Prezidanto, S-ro Manuel Iznardo Gutiérrez; Honora Vicprezidanto, S-ro Ignacio Auñón Chacón; Vicprezidanto, S-ro Pastro Jerónimo de Córdoba; Sekretario, S-ro Joaquín Machuca de los Santos; Vicsecretario, F-ino Carmen Hernández de Santaolalla; Kasisto, S-ro Carlos Martínez Fernández; Kalkulisto, F-ino Rosa Pérez de Cárdenas; Bibliotekisto, S-ro Antonio Rodríguez Carrera; Vicbibliotekisto, F-ino Purificación Pérez de Cárdenas; Voĉdonantoj, F-inoj Emilia Alcaide Munilla, Mercedes Alcaide Munilla, S-roj Alberto García Sánchez, Luis del Valle Guirado kaj D-ro Antonio Sáez Morón.

Oni decidis proponi S-ron Joaquín Machuca por la Delegiteco de U. E. A.

La Sevilja Esperantista Grupo kaj Anda-

uzia Esperantista Federacio tute kordankas ĉiujn esperantajn societojn kaj amikojn, kiuj afable sendis kondolencajn leterojn pri la morto de l' neniam bone plorata Prezidinto, S-ro Trinidad Soriano Hidalgo (k. p. r.)

La Sekretario,
J. MACHUCA



*Palma de Mallorca.*—La Esperanta Klubo Palma reelektis S-ron Gabriel Alomar prezidanto kaj translokiĝis al strato Mesquida, 6



*Barcelona.*—La Grupo «Paco kaj Amo» elektis la jenan komitaton: Prez. S-ro Alberich Jofré, Vicprez. S-ro J. Roig, Sekr. F-ino. A. Vilaró, Vicsekr. S-ro Manachs Torrente, Kas. S-ro Bohigas Ferrán, Kalk. S-ro L. Domenech, Bibliot. S-ro C. Segura, Voĉd. S-roj L. Moga, J. Escandell. D. Farre. D. Albert.



*Zaragoza.*—La Grupo «Frateco» (Luna, 9) elektis la jenan-Komitaton: Prez. S-ro Eusebio Senra, Vicprez. S-ro José Larruga, Sekr. S-ro Emilio Artigas, Vicsekr. S-ro David Maynar, Kas. S-ro José Benedicto Gracia, Vic-kas. S-ro. Antonio Lasheras, Voĉdon. S-roj. Manuel Delpón, Patricio Cruz kaj F-inoj M. Luz Modrego kaj María del Camino.

Grandsucese klarigas du kursojn ĉiutage la fervoraj samideanoj Artigas kaj Maynar. La sperta instruistino F-ino Carmen Palomar klarigas kurson tre ĉeestata de fraŭlinoj en la Lernejo «Inmaculada Concepción».

Pro letero de la Stiria Esperanta Societo petanta helpon por la infanoj de la Aŭstria provinco Stirio, kaj super ĉio por tiuj de la ĉefurbo Graz, la Grupo Frateco sindoneme alkuris al la alvoko kaj eldonis cirkuleron kun traduko pri la letero kaj kun la jenaj decidoj:

I, Akcepti ĝis la fino de la monato nuna, en la Grupejo, ĉu rekte, ĉu pere de kiu ajn societano, proponojn de tiuj familioj pretaj akcepti intertempe iun aŭ iujn infanojn aŭ infaninojn.

II. Akcepti same, ĝis la dirita dato, proponojn de tiuj personoj aŭ societoj pretaj pagi la restadon de iu aŭ iuj infanoj aŭ infaninoj dum iom da tempo en kiu ajn kolegio.

III. Inaŭguri Esperantan kurson, gvidota de la diplomita profesoro S-ro Emilio Gastón por la personaj akceptontaj malfeliĉuletojn.

IV. Peti je la Kolegioj, kiuj havas internulojn, ke ili sendu al la kurso iun profesoron, por ke ili povu sin trovi en bonaj kondiĉoj por la akceptado de la infanoj, ĉu ili estas pretaj akcepti la malfeliĉuletojn laŭ decido de bonfarantuloj.

V. Akcepti donacojn kaj proponojn koncernantajn la celo elmontrita en la loĝejoj de la fondinto de ĉi tiu societo, S-ro Emilio Gastón, Advokato, D. Jaime I, 68, 2.°; en tiu de la Prezidanto; S-ro Eusebio Senra, Infanteria Subkolonelo, Ponzano, 8, 3.°; en tiu de la eks-prezidanto, S-ro Vicente Lorén, Pastro-Sakristio de La Seo, kaj en tiu de la Delegito de U. E. A., S-ro Manuel Maynar, Advokato, Cerdán, 19.

La alvoko de Frateco al la Zaragozanoj interesis ĉi tiujn; la Ĉefepiskopo multe interesiĝis, decidis akcepti iujn kaj eĉ estas preta por ke iuj restadu en la Zaragoza seminario se ili volus esti pastroj. La ekzemplon de la Ĉefepiskopo sekvos la bonfaremaj kaj noblaj zaragozanoj.

---

Oni petas por ĉi tiu revuo raportetan ĉiumonatan se eble, pri naciaj movadoj esperantistaj kaj ke oni sendu ilin al S-ro ***Julio Mangada Rosenörn,*** Majoro de la Infanteria Regimento «Galicia» n.° 19. JACA (Huesca). Skribu klare sur unu sola flanko.

# SPRITLUDOJ de NOVEJARQUE

Solvo de la KURIOZA TRIANGULO HIEROGLIFA :

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| | | | M | | MO |
| | | K | N | Tio estas: | KONO |
| | K | R | L | | KOROLO |
| M | N | L | G | | MONOLOGO |

Solvo de la HIEROGLIFO: (JU-NULO) = JUNULO.

Sendis la solvojn S-ro L. Rodríguez el Madrido.

## VORTLUDO




Solvoj en venonta numero.

Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid